# FEN X

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht.
Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 //
<sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 //
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587,
1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18,
<kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder,
Tel: 0223-643781.

## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de novembro. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj.

## ENHAVO



## PRI PAĜO 1

La 4-an kaj 5-an de oktobro okazis granda evento por infanoj en la instituto por natursciencoj “Nemo” en Amsterdam, pri kiu ni raportos en la venonta numero. Infanoj devis malkovri la “kodon” de brajlo, hieroglifoj, maristaj flagoj, ktp. La organizantoj invitis ankaŭ ESPERANTO NEDERLAND kaj multaj infanoj lernis surloke la ciferojn en Esperanto. Bildo de Marianne van Gemert.

## DE LA REDAKCIO

Ĝojiga estas la fakto ke aliĝis kelkaj novaj membroj. Kaj alia ĝojiga fakto estas ke kelkaj legantoj sendis al ni kontribuojn, kiuj ebligis al ni kompili numeron, kiu kredeble donos al vi plezuron.
Nia membro Marc van Oostendorp profesoriĝis,
Aperis kelkaj novaj libroj. Gerrit Berveling verkis eĉ kvin novajn librojn! Pri Joseph, al kiu multaj el vi helpas, nun venis bonaj novaĵoj... Kaj multloke nia asocio montras sanan vivon.
Tamen ni ne povis pretervidi la fakton ke la estraro de nia asocio estas nekompleta, kaj ke la minaco ekzistas ke tio estonte donos grandajn problemojn. En kelkaj artikoloj vi trovos mencion pri tio.
Tamen, malgraŭ malfacilaĵoj, ni rigardu al bona estonto.

JKH.

– Pro longa raporto pri la ĝenerala kunveno mankis loko por kelkaj kontribuoj.

## ŜANĜOJ en la MEMBROLISTO

***Novaj membroj:***

- S-ro H.Kooreman, Castorweg 320, 7557 KT Hengelo, tel.: 074-8507628, <hjkooreman@home.nl>.
- S-ino I.Stoffer-Holkamp Bsc, Albert Meijnsstraat 20, 1521 ZN Wormerveer, tel.075-6215290, <indre@tiscali.nl>. (BSc estas akademia titolo.)
- S-ino R.O.Richardson, Valckenhoeflaan 67, 2071 RS Santpoort, tel.023-5383607.
- S-ino A.M.Hoeben-Wouters, Ronkert 44, 5094 EW Lage Mierde, tel.013-5096024, <olivijn_hoeben@hotmail.com>.
- S-ino C. Boer-Pierie, Lindensteinlaan 10, 9351 KE Leek, tel.0594-514370, <corrie.boer-pierie@home.nl>.
- S-ino M. von Bönninghausen, Willem de Zwijgerlaan 34, 3761 CR Soest, tel.035-6090682, <bonninghausen@hetnet.nl>.
- S-ro P.E.A.H.Bijvoet, Vreewijkstraat 5, 2311 XG Leiden, tel.071-5130946, <pebijvoet@planet.nl>.

***Ŝanĝo:***

- S-ro R.Woonink, Bergstraat 26, 6811 LH Arnhem.

# ESPERANTO NEDERLAND

## PROTOKOLO PRI LA 17-A ĜENERALA KUNVENO

**okazinta la 24-an de majo 2008 en "Vergadercentrum Vredenburg", Vredenburg 19, Utrecht.**

**00. Akcepto.**

En la akceptejo servis Ineke Emmelkamp kaj Alfonso Pijnacker. Ili registris 44 partoprenantojn kaj 11 mandatojn. Do, entute ĉeestis 55 voĉoj.

Alvenis 3 ne-membroj, nome la sinjorinoj Batrakova, Jansen kaj Richardson.

**01. Malfermo.**

Je la 10.30h la asocia prezidanto Ans Bakker-ten Hagen malfermis la kunvenon.

Momento da silento estis por niaj mortintaj membroj, nome: s-ino H.Boersma-Hoekema, s-ro J.A.Hanse, s-ino R.de Jong-Breukers, s-ino N.Vollegraaf, s-ro H. Behr kaj s-ino E.Kervers.

En sia bonveniga parolado la prezidanto emfazis ke la Esperanto-movado malgraŭ malfacilaĵoj floras kaj fine ŝi inspiris per la vortoj "Ek al la laboro".

**02. Fikso de la Tagordo / Envenintaĵoj.**

- La Tagordo ne ŝanĝiĝis.
- 14 Membroj mesaĝis ke ili ne partoprenos la kunvenon.
- Gesinjoroj Bossong sciigis ke ili ne povos partopreni la kunvenon pro sia 60-jara geedza festo.

**03. Protokolo 09-06-2007 pri la 16-a ĝenerala kunveno.**

La ĝenerala kunveno ne havis rimarkojn kaj akceptis la protokolon.

**04. Agadraporto pri 2007.**

*Je punkto 1.1.*

Rob Moerbeek demandis ĉu la estraro jam sukcesis ŝanĝi la investadon.

La kasisto respondis nee. La estraro jes informiĝis pri ASN-Bank. Necesas permeso de la ĝenerala kunveno kaj por tio estas la propono sub punkto 6.2 de la Tagordo.

*Je punkto 2.5.*

Simon Smits demandis kio estas Goslinga-kolekto.

La prezidanto eksplikis ke ĝi estas kolekto de bildkartoj, glu- kaj poŝtmarkoj, kiun s-ro Goslinga antaŭ jaroj postlasis.

*Je punkto 3.1.*

Simon Smits atentigis ke en la lasta frazo mankas la litero i en komis(i)ono. Montriĝas ke en FEN-X tiu litero ne mankas.

*Je punkto 4.2.1.*

Rob Moerbeek diris ke li aprezas la atenton por kursmaterialoj.

*Je punkto 6.1.*

NGGE. Rob Moerbeek diris ke li aprezas la financan subtenon por ebligi la studotagon de NGGE.

*Je punkto 6.2.*

Simon Smits atentigis ke en Zelando oni parolas pri "parolanta gazeto" anstataŭ "vivanta gazeto".

Fine la ĝenerala kunveno akceptis la Agadraporton 2007.

**05. Financaj raportoj pri 2007.**

*5.1. Raporto de la kaskontrolo-komisiono.*

Jeannette Bosse-Sibbel diris ke ŝi kune kun Jacques Tuinder kontrolis la financan administradon. Ŝi deklaris ke la administrado estas en bona ordo kaj donas ĝustan bildon pri la financa stato de la asocio.

Ŝi transdonis tian skribitan deklaron al la kasisto kaj proponis al la ĝenerala kunveno malŝarĝi la estraron. La kunveno akceptis la proponon.

*5.2. Rezultkonto pri 2007.*

Peter den Breems demandis kiom da jaroj ni povas elteni tian negativan rezulton.

La kasisto repondis ke la estraro sekvas la Beleidsplan 2006-2011. Oni povas konstati ke ĉiujare la elzpezoj estas ne pli ol 2-oble la enspezoj kaj la deficitoj estas ne pli ol 7% el la kapitalo.

Atilio Orellana Rojas demandis kion signifas la negativa elspezo ( EUR 90,50) sub FEN-X.

La kasisto respondis ke tiu sumo estas enspezo, specife por Fen-X, nome la abonkotizoj de eksterlandanoj.

Simon Smits demandis kion signifas "comm" ĉe "comm. UEA".

La kasisto respondis ke ĝi estas nederlandlingva, devas esti "profitos. Ĝi estas enspezo pro vendo el nia librostoko ĉe la UEA-Libroservo.

*5.3. Bilanco je 31-12-2007.*

Atilio Orellana Rojas atentigis ke la kurzodiferencoj (EUR 30 679,43) estas ege grandaj.

La kasisto respondis jese, sed ĝi estas akumulado de kurzoperdoj el antaŭaj jaroj sen interkompensado de dividendpagoj.

Fine la ĝenerala kunveno akceptis la financajn raportojn kaj malŝarĝis la kasiston.

**06. Proponoj**

6.1 La estraro proponis ne ŝanĝi la kotizojn por 2009. La kunveno akceptis la proponon.

6.2. La estraro proponis, rilate al artikolo 15 de la Statuto, permesi al la estraro bontrove ŝanĝi la investadon sen observo de la limigita sumo de 1134 eŭroj.

Piet Schuil atentigis ke la estraro en la antaŭa jaro jam vendis grandkvante.

La kasisto respondis ke tiu - nepermesita - vendo jam antaŭajare en la ĝenerala kunveno estis priparolita. Ĝuste pro tio la estraro nun sekvas la regulojn de la Statuto.

Kees Ruig atentigis pri Triodos-Bank, kiu strikte etike bankas. Reagis Ralph Schmeits, Kees Ruig, Atie van Zeist, Kees Bos, Miny Massar.

Sekvis diskuto kaj kelkaj sugestoj rilate artikolon 15 de la Statuto, kiu limigas nun kaj en la estonteco la estraran financan liberecon.

Post paŭzeto la prezidanto proponis ke la farita propono validu por 2 jaroj.

La kunveno akceptis la proponon kiu validos por 2008 kaj

2009. La estraro proponis, rilate al artikolo 15 de la Statuto, rajtigi la estraron interkonsenti kontrakton kun Internacia Esperanto-Instituto en Hago pri kvinjara (2008/2009, 2009/2010, 2010/2011, 2011/2012, 2012/2013) subteno de EUR 5 000,-- jare por la katedro Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo.
Rob Moerbeek atentigis pri la bona rezulto kaj forte aprobas la proponon.
La kunveno akceptis la proponon.

*6.4 Buĝeto kaj Laborplano 2008.*

*Je punkto 2.1.*

Atilio Orellana Rojas atentigis ke ni jam longe suferas mankon de prezidanto. Li proponis nomumi komisionon kiu peru en tiu afero.

*Je punkto 4.4*

Atilio Orellana Rojas proponis ankaŭ rete eldoni la revuon FEN-X. Hans Bakker respondis ke venos eblo en malpropra retejo <www.gazetoj.org> en kiu legeblas ankaŭ aliaj revuoj.
La redakcio jam okupiĝas pri tio.
Kees Ruig rimarkis ke la lasta FEN-X nekutime havas sen utila celo pli da paĝoj, dum antaŭe la redakcio malvolis tekston de li pro manko de spaco.
Ko Hammer respondis ke li agadas kaj decidas laŭ redakcia statuto. Li diris ke Kees Ruig verŝajne parolis pri pratempo ĉar li (Ko Hammer) ne povas rememori tiun aferon.
Fine la ĝenerala kunveno aplaŭde akceptis la buĝeton/laborplanon 2008.

**07. Elektoj.**

*7.1. Estraro.*

Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker laŭstatute demisiis kaj ne estis reelekteblaj.
Ans Bakker-ten Hagen laŭ peto de la estraranoj plu prezidos la kunvenon kaj poste adiaŭos.
Ne estis klandidatoj por la estraro.
Els van Dijk-Kuperus atentigis ke estrara laboro estas grava, donas plezuron kaj liveras personan gajnon.
Ineke Emmelkamp konfirmis la vortojn de Els van Dijk-Kuperus. En bona etoso ŝi kunlaboris kun la estraro. Se ne, ŝi restintus en Groningen.
La prezidanto emfazis ke kandidatoj kaj interesiĝantoj ĉiam povas anonci sin, kaj por informiĝi kaj por sperti la estrarkunvenojn.

*7.2. Kaskontrolkomisiono.*

Ĉiuj el la nuna komisiono (Bert Engel, Jeannette Bosse-Sibbel, Arjen-Sjoerd de Vries kaj Jacques Tuinder) laŭstatute demisiis kaj estis reelekteblaj.
Kun aplaŭdo la ĝenerala kunveno reelektis ilin.

*7.3. Arbitracia komisiono.*

Marc van Oostendorp laŭskeme demisiis kaj estis reelektebla. Aplaŭde la kunveno reelektis lin.

**08. Jubileantoj.**

Gerrit Berveling demandis pri kiu jubileo ni parolas.
La prezidanto respondis ke la asocia jubileo rilatas al 50-jara membreco.
Jubileas Ans van Riemsdijk-Goossens kaj Ans Bakker-ten Hagen. Els ten Hagen-Renses kaj Joke Hoobroeckx-Dooren vizitos kaj gratulos Ans van Riemsdijk-Goossens en ŝia hejmo.
Els ten Hagen feste parolis kaj gratulis Ans Bakker-ten Hagen.

**09. Verloren van Themaat-premio 2008 pri 2007.**

Wil van Ganswijk-Vlasblom parolis nome de la ĵurio. La ĵurio ricevis ĉi-jare malpli da artikoloj sed estis unu publikigo kiu klare superis la aliajn, nome, la libro "Woordvolgorde in het Esperanto" de Willem Hendrik Jansen, do la ĵurio elektis lin por la premio.
Wim Jansen danke kaj serĉe reagis ĉar, ja, estis li kiu antaŭ jaroj estis ĉe la starigo de tiu ĉi premio. Li emfazis ke la katedro nun havas bonan perspektivon.
La prezidanto fine sciigis ke la estraro starigis novan asocian fonduson "Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Amsterdam" por subteni kromajn agadojn kiuj havas ligon kun la katedro. Ŝi invitis donaci al ESPERANTO NEDERLAND kun noto Leerstoel UvA.
Ŝi laŭtlegis la tekston de artikolo por la Interna Regularo, kiun sekvontjare la estraro proponos.

**10. Ronddemandado.**

Rob Moerbeek atentigis pri Mondfederalismo, NOSOBE-kongreso, Scienca Revuo, fondo de Amika Rondo por Ĉinio pro la tertremo. Ralph Schmeits demandis kiu provizore prezidos la asocion. La respondo estis: Neniu.
Kees Ruig aranĝos la 3-an de junio en Groesbeek publikan vesperon pri Esperanto. Cetere li kompilis liston kun 1200 Esperanto-vortoj kiuj similas al la Nederlandaj vortoj.
Kees Ruig ankaŭ montris gazetartikolon kun titolo Cirklo. Cirklo rilatas al toleremo.
Atilio Orellana Rojas invitis al la NGGE-studotago je la 4-a de oktobro, al la Zamenhoftago je la 13-a de decembro kaj petis instruistojn anonci sin ĉe Marijke Lathouwers, kiu registras por NGGE ĉiujn instruistojn.

**11. Adiaŭo.**

Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker definitive forlasis la estraron.
Els ten Hagen danke parolis kaj transdonis donacetojn.

**12. Fermo.**

Precize je la 12.30h la ĝenerala kunveno finiĝis.

Dum la paŭzo Ionel Onet prizorgis la libroservon.
Post la paŭzo prelegis Katalin Kováts pri la Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj.

Finfine parolis Marijke Lathouwers kaj Ans Bakker-ten Hagen pri la Universala Kongreso en Roterdamo.
Kompilis Alfonso Pijnacker, sekretario.

## DONACOJ.

La asocioj dum 2008 ricevis jenajn donacojn:
Ĝenerala kaso EUR 1255,20, por informado EUR 765, por la fonduso "Leerstoel" EUR 300.
La estraro kore dankas la donacintojn.

## VERLOREN VAN THEMAAT-PREMIO.

La estraro nomumis Els van Dijk, Kees Hoeijenbos kaj Kitty Balk kiel ĵurion. Ili juĝos pri la premio en 2009, 2010 kaj 2011.

## EL LA ESTRARKUNVENOJ 30-08 KAJ 27-09-2008

Jen kelkaj eroj:

*1. Estri post majo 2009.*
La plej grava temo por la nuna estraro, kiu ĝis nun ne volas kredi ke inter niaj membroj ne estas entuziasmuloj por la estraro. Nu, se kandidatoj por la estraro ne venos, ni ĉiuj diskutu pri la vojo irenda.

*2. Verloren van Themaat-premio.*
La estraro nomumis Els van Dijk, Kees Hoeijenbos kaj Kitty Balk kiel ĵurion. Ili juĝos pri la premio en 2009, 2010 kaj 2011.

*3. Katedro-fonduso (Leerstoelfonds).*
La Katedro Interlingvistiko kaj Esperanto ege gravas por nia movado. Do necesas varbi donancantojn, ankaŭ ekster nia propra asocio. Por tiu ĉi celo venos specifa informilo.

*4. Serĉludo.*
La serĉludo ĝis nun ne havis sukceson. Nur kelkaj liveris trovitajn vortojn. La estraro planas pli entuziasmigi la membrojn kaj decidis plilongigi la tempon por ensendi. La gajnanton ni elektos ne en 2009 sed dum la jarkunveno en 2010.

*5. Monumento.*
Envenis peto el Vlieland por helpo pri la tiea Esperanto-monumento. La globo ne plu havas fiksitan lokon kaj estas pli-malpli detruita. Intertempe montriĝis ke la komunuma estraro tute ne havas intereson pri tiu ĉi monumento. Ĉar la respondeco kaj estonta loka ne estas klaraj, la estraro decidis ne finance kontribui al renovigo.

*6. FEN-X en la reto.*
Laŭ promeso, farita en la ĝenerala kunveno 2008, nia revuo FEN-X estas legebla en la retejo
<www.gazetejo.org>.

*7. 25-jara membreco.*
Envenis propono al la ĝenerala kunveno 2009 por sendi gratulkarton al membro okaze de 25-jara membreco kaj konatigi la nomon dum la jarkunveno. Nun ni festas nur la 50-jaran membrecon.
La estraro petos informojn ĉe la membro-administranto kaj poste, dum la jarkunveno, la membroj povos voĉdoni.

## ESPERANTO PUBLIKE

Foje okazas io eksterordinara kiu tamen ne ricevas abundan atenton. Io tia okazis antaŭ kelkaj monatoj, kiam Gerrit Berveling publikigis ne unu sed kvin rimarkindajn librojn. Feliĉe Zwolse Courant de la 29-a de aŭgusto ne neglektis tion kaj juste taksis tion per la vortoj: "Zwollenaar Gerrit Berveling heeft vijf boeken geschreven. Vijf tegelijk! Voor een "normale" schrijver is één boek al een hele bevalling, maar Berveling presenteert vijf titels alsof het niets is".

Granda foto akompanas la artikolon (kiun sendis Anneke ter Braak kaj J.v.d.Laan).

La insulo Tekselo havis densan Esperantovivon en la jaroj 30. En 1935 tie ekestis eĉ bela monumento. Texelse Courant de la 25-a de julio raportas pri vizito de du usonaj filmistoj Sam Green kaj Andy Black al la monumento. Ili faris filmon pri Esperanto.

Ili miris ke la monumento, renovigita antaŭ kelkaj jaroj de la komunuma estraro, estas nun kaŝita pro densa arbustaro kaj primitiva biciklostarejo.

Algemeen Dagblad de 19-07-2008 publikigis dupaĝan artikolon "Taal voor de hele mondo", kun grandaj fotoj. Precipe denaskaj esperantistoj, infanoj de diverslingvaj gepatroj, interesis ilin.

Ans Heijstra sendis tradicie multajn aliajn artikoletojn:

13-07-2008: Noordhollands Dagblad, regiono Den Helder: "Esperantovereniging viert stedenbanden".

18-07-2008: Sama ĵurnalo: "Esperanto komt even tot leven tijdens internationaal congres".

17-07-2008: Intermediair: "Gebarenesperanto".

19-07-2008: Noordhollands Dagblad, regiono Den Helder: "Jonge taal praat over vergrijzing".

16-08-2008: Sama ĵurnalo: "Synagoge".

17-08-2008: Alkmaar op Zondag: Esperanto proeflesje.

sept. 2008: Anonco "Molenwiekje" memorigas la diskutadon pri maljuniĝado, kiu estis la temo de la ĝemelurba renkontiĝo en Alkmaar.

Hans Bakker

## PROFESORO MARC VAN OOSTENDORP

La 12-an de septembro la aŭlo de la Universitato de Leiden plenpleniĝis de aŭskultantoj de la prelego kiu inaŭguris la postenon de Marc van Oostendorp kiel profesoro en la Universitato de Leiden. Cetere li jam profesoriĝis en la Universitato de Amsterdam antaŭ dek jaroj. ESPERANTO NEDERLAND estis reprezentita de du estraranoj: Els ten Hagen kaj Joke Hoobroeckx.



Dum unu horo li klerigis kaj amuzis la ĉeestantojn pri la diferencoj en prononcado de literoj kiel vortfinaj d kaj t. Tiel simpla fenomeno povas malfermi demandojn kiuj estas neatendite interesaj.

La prelegon sekvis festa gratulado. Anstataŭ donacoj, la profesoro invitis donaci monon por "Een school in Togo", la esperantista projekto en Afriko kiu nun eniras sian kvinan jaron de modela funkciado. La sukceso de lia alvoko estis granda.

Korajn gratulojn kaj sukcesan pluan karieron ni deziras al nia membro Marc van Oostendorp!

Hans Bakker

## NOVA MEMBRO DE LA ESTRARO ĈE INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO

En sia kunsido de la 7-a de septembro 2008 la Estraro de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) akceptis kiel novan estraranon S-ron Piet Buijnsters. Iama laboristo ĉe Philips kiel komputilprogramisto kaj sistemanalizisto, poste li studis psiĥologion kaj specialiĝis pri entreprena psiĥologio. Dudek jarojn estis (kaj diversfoje ankoraŭ estas) docento kaj konsilanto pri entreprena direktado por estraj profesioj en hospitaloj.

Esperanton li eklernis en 1956. Dum multaj jaroj li estis estrarano de la E-kluboj de Eindhoven kaj Nimego (Nijmegen) kaj nun ankoraŭ aktiva klubano de ĉi tiu lasta E-klubo. Li zorgas pri tradukoj, tial ĉe FEL estis eldonita en 2006 traduko de "La morto en Venecio" de Thomas Mann. Liaj interesoj nun speciale estas edukaj kaj instruaj sistemoj kaj traduksistemoj kaj pli specife la lingvoproblemo en la Eŭropa komunumo kaj kiel Esperanto kaj IEI povas alpaŝi al tiu problemo.

Informis Atilio Orellana Rojas
<http://www.iei.nl >

## RENKONTIĜO EN NUENEN.

Sabaton la 13-an de septembro okazis por la tria fojo internacia renkontiĝo en la regiono Helmond-Eindhoven. Ĉi-foje oni ne esploris la urbon Helmond, sed la apudan vilaĝon Nuenen. Nuenen estas konata pro la fama pentristo Vincent van Gogh. Tio estis ankaŭ la temo de la tago.

La tago komenciĝis pluve. Sed tio ne ĝenis la 17 partoprenantojn, ĉar oni kunvenis en la agrabla vilaĝa infanbieno Weverkeshof. Post kafo-trinkado la grupo iris al la Dokumentcentro Van Gogh. En tiu ĉi eta muzeo oni prezentis filmon pri Van Gogh kaj estis multaj bildoj kaj tekstoj pri la homo kiu neniam ricevis monon por siaj pentraĵoj; nur post lia morto la pentraĵoj fariĝis multekostegaj.

Antaŭ la pikniko Marije van Erp gvidis la grupon preter diversaj vidindaĵoj en Nuenen. Posttagmeze ni vizitis la akvomuelejon 't Coll, kiu estas videbla sur unu el la multaj pentraĵoj de Van Gogh. La muelisto montris du partojn de la muelejo: en unu flanko de la rivereto troviĝas grenmuelilo kaj en la alia flanko oleo-muelilo.

La tago finiĝis en restoracio, kie 7 personoj vespermanĝis. Al ĉi tiu renkontiĝo venis 6 personoj el Germanio, 2 el Belgio kaj la aliaj estis nederlandanoj. La esperantistoj el la germana Essen invitis nin reciproke veni al Bochum en printempo 2009. Estu bonvena kunvojaĝi tien!

Ralph Schmeits

## CSEH-INSTRUISTOJ KUNVENIS

De la 26-a ĝis la 30-a de julio 2008 okazis en la Andreo Cseh-Domo, sidejo de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) metodologia renkontiĝo por Cseh-instruistoj.

La Estraro de IEI decidis inviti kelkajn el la aktivaj Cseh-instruistoj kaj aliajn pedagogojn por pridiskuti pri la aktualeco de la metodo, kiel renovigi ĝin kaj kiel plu iri antaŭen.



Ĉeestis la renkontiĝon 14 personoj venintaj el 8 diversaj landoj. Ili analizis la uzon de instruhelpiloj, instrumaterialo kaj ankaŭ de son- kaj bildmaterialo kadre de la Cseh-kursoj.

La renkontiĝo estis ankaŭ okazo por interŝanĝo de spertoj kaj prezentado de materialo kreita de la diversaj instruistoj por prezenti kaj/aŭ ekzercigi diversajn gramatikerojn.

En unu el la posttagmezoj, la ĉeestantoj vizitis la Pacpalacon, kies biblioteko posedas ankaŭ kelkajn titolojn en Esperanto.

Informis Atilio Orellana Rojas.

## JOSEPH BICINGINI APASA:
## finfine bona novaĵo.

La 19-an de septembro Joseph sciigis al mi ke de oktobro li ricevos subvencion de iu pola "Socia helpo por rifuĝintoj".

La 22-an de septembro Joseph havis rendevuon kun la fakultatestro de la Politeknika Universitato de Łódz kaj tiu fakultatestro decidis pri akcepto de Joseph. La Internacia Fakultato pri Inĝenierado de la universitato proponas programojn en la angla kaj la franca.

Esperplena progreso! Sed tamen restas ankoraŭ kelkaj problemoj.

Joseph bezonas dokumenton de pola registara oficejo, en kiu oni deklaras rekoni lian diplomon de la konga duagrada edukado. Por tio Joseph bezonas aldonajn dokumentojn el Kongo, sed tio por Joseph, kiel rifuĝinto, ne eblas. Ŝajne la problemon povos solvi la konga ambasadejo en Varsovio.

La 23-an de septembro mi ricevis alian mesaĝon de Joseph. La fakultatestro decidis pozitive pri la akcepto. Sed oni akceptis lin "provizore", ĉar ankoraŭ mankas la bezonata dokumento de la konga ambasadejo.

Vendredon la 26-an de septembro Joseph transloĝiĝis al Łódz kaj lundon la 29-an de septembro komenciĝis la kursoj.

Mi esperas ke en venonta FEN-X mi povos raporti pri plia(j) progreso(j).

Luit Staghouwer.

# INVITOJ.

## AMSTERDAM.

**Esperantistoj en kaj apud Amsterdam kunvenas ĉiun duan dimanĉon de la monato inter la 11-a kaj 14-a horo, en la restoracio de "Prins Hendrik Hotel", P.H. kade 52-57, 1012 AC Amsterdam. Ĉiu estas bonvena !**

Informojn donas Peter Ebenau,
1-ste Atjehstraat 158-1, 1094 KW Amsterdam.
Tel. 020- 69 46 073.
<esperanto.amsterdam@gmail.com>

## STUDSEMAJNFINO EN NOVEMBRO.

Al ĉiuj studemuloj, de ĉiuj niveloj kaj aĝoj.

De la 14-a ĝis la 16-a de novembro ESPERANTO NEDERLAND denove organizas studsemajnfinon.

**Loko:** NIVON-domo De Banjaert en Wijk aan Zee, provinco Nordholando.

Aliĝoj estas eblaj ĉe Juri Smolders, Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer. Tel. 075-6123471. Aŭ rete: <studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>. En la retpaĝo de ESPERANTO NEDERLAND aperas reta aliĝilo <http://www.esperanto-nederland.nl).

**Kostoj:** Membroj de ESPERANTO NEDERLAND (aŭ alilanda Esperanto-asocio aŭ abonantoj de Fen-X ) 55 eŭroj. Ne-membroj: 65 eŭroj. Por membroj de Nivon ni ricevos rabaton, do bonvolu mencii se vi estas membro kaj kunpreni vian membrokarton. Ni volas uzi tiun rabaton por malaltigi la prezon por la tuta grupo.

Informoj haveblas ankaŭ ĉe: Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder. Tel: 0223-64378. Retpoŝto: <lj.lathouwers@quicknet.nl>.

## ZAMENHOF-FESTO EN LA ANDREO CSEH-DOMO

En sabato la 13-a de decembro 2008 okazos en la Andreo Cseh-Domo (Riouwstraat 172, 2585 HW Den Haag, Nederlando, telefono 070-3556677) Zamenhof-Festo. Tiam la ĉefpreleganto estos Anne Jausions el Francio, kiu prelegos pri Maupassant, De Diego kaj la traduko de Boule de Suif. En la programo estos ankaŭ pliaj interesaj eroj kaj ni ĝuos muzikan intervenon.

La Cseh-Domo estas atingebla de la Centra Stacidomo per la tramlinio 9 direkte al Scheveningen (1 zono). Akcepto kun kafo/teo je la 10.00h. Komenco je la 10.30h.

La aliĝkotizo estas EUR 30,00 kaj ĝi inkluzivas la lunĉon kaj ne-alkoholan trinkaĵon en apuda restoracio. Se vi estas vegetarano, aliĝante bv anonci tion. La kotizo povas esti sendita al la konto 162626 nome de Internacia Esperanto-Instituto kun la indiko "Zamenhof-Tago".

La kotizo devas atingi la konton de la organizantoj plej malfrue je la 1-a de decembro 2008. Sen aliĝo de almenaŭ 5 personoj, la festo ne okazos. La 3-an de decembro estos sendataj konfirmiloj al ĉiuj aliĝintoj.

Informis: Atilio ORELLANA ROJAS
Internacia Esperanto-Instituto
Riouwstraat 172, 2585 HW Den Haag.

## NOVA LIBRO PRI NIA ORGANIZO.




Doktoro Ziko Van Dijk pretigis Esperantan libron, 304-paĝan: "La Asocio, skizoj kaj studoj pri la historio de UEA". Ĝi ne estas "plena historio de Esperanto", sed tamen de la plej grava parto de ĝi, nome la historio, sub la ombrelo de UEA. Kaj nepre estas vere la unua pri nia historio, kiu havas firman sciencan bazon. Ziko funde esploris ĉiujn gravajn dokumentojn en la Centra Oficejo, kaj ne nur tiujn dokumentojn, sed ankaŭ multajn kiujn li ricevis de aliaj instancoj. Granda avantaĝo estas ke en multaj "historietoj" ambaŭ partioj povis konigi siajn argumentojn, kiuj ofte ne estas troveblaj en nia gazetaro! Ĉe konfliktoj en nia asocio ja tre ofte okazas ke unu el la koncernataj partioj estas buŝumita, pro manko de diskoniga organo!

Kiu volas paroli pri Esperanto-historio, kaj ne nur klaĉi "el la nuko", nepre bezonas seriozan studadon de tiu ĉi monumenta verko.

La libro aperos post kelkaj monatoj.

Sed kiu antaŭmendas ĝin ricevas 10% rabaton, do por EUR 21,60 anstataŭ EUR 24,00 (plus realaj sendokostoj, kun minimumo de EUR 3,00). Tiu ĉi oferto validas ĝis la 1-a de februaro 2009. Mendoj: FEL, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen - <retbutiko@fel.esperanto.be>.

## PAOLO, LA LERNANTO DE LEONARDO DA VINĈI.

Okaze de la ĉi-jara UK en Roterdamo aperis mia Esperanta traduko de historia romano pri Florenco de la nederlanda aŭtoro Hans Ulrich. La titolo estas: "Paolo, la lernanto de Leonardo da Vinĉi". Laŭdire ĝi estas taŭga por kaj infanoj kaj plenkreskuloj. Eldonis ĝin eldonejo KAVA-PECH en Ĉeĥio.

Interesitoj povas mendi ĝin sendante retleteron al <benata@zonnet.nl> aŭ skribante al Benata Hengstmengel-Koopmans, Vendelstraat 10, 2316 XP Leiden, kaj samtempe pagante 12,50 Eŭrojn (sendokostoj inkluzivitaj) al Postbank-numero 2698936 nome de R.M.B. Hengstmengel-Koopmans en Leiden, menciante "Paolo". Ĝi kompreneble ankaŭ mendeblas ĉe la Libroservo de UEA.

Benata Hengstmengel-Koopmans, membro de Esperanto Nederland.

## ESPERANTAJ KANZONOJ

Bonvolu viziti niajn paĝojn pri Esperantaj kanzonoj

En la interreto oni povas trovi kelkcent kanzonojn en Esperanto kaj multajn videofilmetojn kun kanzonoj kaj lingvaj ludoj, kiuj povas pliriĉigi agadon de lokaj kaj lernejaj Esperanto-grupoj. Se nia retejo ekplaĉos al vi, tiam bonvolu informi pri ĝi viajn konatulojn.

<http://kanzonamikaro.worsten.org/eo-kanzonoj/videofilmetoj.htm >

Kun elkoraj salutoj
Kanzonamikaro el Vroclavo, Silezio, Pollando

## RIĈULOJ... SEN MONO.

Monon ili ne havis, la fervoraj membroj de la Esperanto-klubo Antaŭen en Zaandam.

Kiuj ili estis? Vere, nur simplaj homoj.

Jan, ligno-portisto en segejo, Klaas, hejtisto de vapormaŝino en kukfabriko, Liuve, laboristo en la haveno.

Stukisto, ĝardenisto, laktovendisto kaj frizisto kaj fabrik-laboristoj. Nur kelkaj el ili havis pli da edukado ol ses jarojn de la elementa lernejo. Nur Jan la oficisto, kaj "Sinjoro Kries", kiu laboris en la stacidomo, lernis iom pli.

Mono ne abundis ĉe ili: abonon al la revuo "La Praktiko" estis pagita de tri personoj, kiuj kune legis ĝin, ĉar por ĉiu aparta la elspezo estis tro granda.

Monon ili ne havis, sed spirite ili estis riĉaj. Kun granda entuziasmo ili povis rakonti pri siaj kontaktoj kun homoj ĉie en la mondo, kun altrangulo en Ĉeĥio, kun profesoro en Britio, eĉ kun homoj en foraj kontinentoj, en Afriko kaj Japanio.

Post la milito ili refondis la klubon, kaj kuraĝe invitis eksterlandanojn al kelkaj ferio-semajnoj en sia regiono.

Lerta manlaboristo faris grandan stelon kun dekoj da elektraj lampetoj, kiujn li funkciigis per dika ligna rulo kaj surgluitaj metalaj pecoj por fari kontakton. Tiel la stelo prezentis viglan bildon, kiu ĉiam denove eklumis.




Feliĉaj ili estis. Dum multaj homoj loĝis en mondo, ne pli granda ol la propra vilaĝo, ili vivis en mondo kiu kovris la tutan terglobon. Ne plu ili devis kredi ĉion, kion la gazetoj rakontis, sed ili mem povis informiĝi ĉiuflanke.

Kaj unu grandan celon ili havis en la vivo: transdoni sian feliĉon al aliaj homoj, dissemi feliĉon ja estas la plej bona maniero por pligrandigi la propran feliĉon.

Tiel ekzemple la hejtisto multfoje vizitis nin, por instrui al ni, juna geedza paro, la miraklan lingvon de Zamenhof.

Kiel rekompenci tion? Por mi nur unu maniero taŭgis: transdoni la feliĉon kiun mi senpage ricevis, al aliaj homoj, tiel, kiel mi mem ricevis ĝin. Kaj mi opinias ke mi plenumis la promeson, kiun mi faris al mi mem.

Tio estas mia historio, sed ne nur la mia, ĉar similajn rakontojn povas doni multaj esperantistoj, pri siaj propraj spertoj kaj agadoj. Kontente ni povas rerigardi al la pasinteco... sed pri la estonto mi ne nur dubas, sed eĉ timas. Kiu daŭrigos la laboron?

Multaj junuloj konatiĝas kun nia lingvo per interreto, kaj lernas ĝin. Pluraj el ili rakontis al mi pri la amikeco kiun ili per ĝi trovis, kaj kiel ili ĝuas la spiritan liberecon kiun la lingvo donas. La libereco, ke oni ne plu estas membro de ia angla, rusa, hispana aŭ araba bloko, sed estas membro de monda socio, sen politikaj aŭ lingvaj limigoj.

Sed por daŭrigi tiujn eblojn, la ekzisto de aktivaj Esperanto-grupoj necesas, por organizi studo-kunvenojn, aranĝi interretajn paĝojn. Tamen rigardu: en la estraro de nia asocio restas nur tri el la necesaj kvin estraranoj. Kaj venontjare du el ili eksiĝos, kaj restas nur unu. Sen klarigo ĉiu komprenos ke unu persono ne kapablas estri tutan landan asocion. Ke nepre necesas kompleta estraro de minimume kvin personoj por plenumi la necesajn taskojn...

Jen mia mesaĝo. La respondo estas al vi.

## NUDKULTURISTOJ.

Jan Olie estis unu el la esperantistoj, kiuj abonis la revuon "La Praktiko", kune kun du amikoj. Ofte mi vizitis lin, sed facile mi konstatis ke lia edzino ne tre ŝatas la internacian lingvon. Jam baldaŭ mi eltrovis la kialon.

En la revuo estis anonco: Iu en la nordo de Afriko volas korespondi kun Nederlando. Nudkulturisto li estas.

Jan memoras ke li en la lernejo vidis bildojn de duonnudaj homoj en Afriko kiuj pene laboras sur la kamparo por kulturi siajn nutraĵojn. Fiere li komprenas ke eĉ ĉe tiuj duon-edukitaj popoloj Esperanto jam penetris, kaj tuj skribas sian unuan leteron en Esperanto. Iom poste dika koverto kun respondo alvenas.

Scivole Jan kun la edzino malfermas ĝin, kaj jen: aperas tri fotoj de la nova korespond-amiko, kun siaj gefiloj kaj bogefiloj. Ne nigraj afrikanoj ili estas, sed francoj kiuj loĝas en Afriko. Kaj nudkulturistoj ili estas - sed klare Jan miskomprenis tiun vorton. En la fotoj la tuta familio aperas. Ĉiuj en sia naskiĝkostumo. La edzino de Jan indigne koleriĝas, kaj tuj la korespondado finiĝas.

Ĉiam kiam mi vizitis Jan, lia edzino prezentis tason da teo. Sed kun ne tro afabla vizaĝo. Tio estas klara: eĉ post multaj jaroj ŝi malfidas la strangan lingvon de sia edzo...

## PRESKAŬ FORGESITA ESPERANTO-MONUMENTETO

de Joh. Heijstra



En la jaro 1922 sinjoro Hendrik van Langelaar (9-2-1905 / 3-12-1987) en Zaandam komencis laktaĵvendejon.

Jam antaŭ la jaro 1940 sinjoro v. Langelaar aŭdis entuziasmajn historiojn pri Esperanto de la membroj de la zaandama Esperanto-asocio, speciale ankaŭ de sia frato pri iliaj spertoj kaj renkontoj.

Ankaŭ li decidis lerni la lingvon Esperanto.

Oni diris ke kiam li kiel laktisto kun sia laktoĉaro iris tra la urbo, li surgluis vortliston sur la laktujojn por survoje lerni la Esperanto-vortojn. Tiumaniere Esperanto ekestis parto de lia vivo.

En 1987 Esperanto ekzistis 100 jarojn kaj ankaŭ lia laktaĵvendejo festis la 65-jaran jubileon.

S-ro v. Langelaar, 82-jara, estis fervora esperantisto. Li opiniis ke Esperanto estas pli bona rimedo por kunigi la homojn, por konstrui pli bonan socion.

En modesta maniero li klopodis enirigi siajn ideojn al aliaj homoj.

Okaze de la 65 jara ekzistado de lia laktaĵvendejo la infanoj kaj genepoj volis honori la viron kiu establis tiun vendejon.

Ĉar ili kompreneble sciis pri liaj aktivaĵoj en la Esperantomovado, oni decidis farigi por li bronzan plaketon en la formato 45 X 65 cm. kun 12 cm granda Esperantostelo kaj la jena Esperantoteksto:

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Plie en la nederlanda lingvo:

Memore de la fondiĝo de tiu ĉi vendejo de
H. van Langelaar
3 Dec 1922 --- 3 Dec 1987




La plaketo devus esti inaŭgurita de lia edzino je la 3-a de decembro 1987.

Bedaŭrinde la plano ne povis okazi. Precize je la planita dato sinjoro H. v. Langelaar mortis.

Tri monatojn post lia morto la familio v. Langelaar decidis tamen ankoraŭ surŝraŭbi la memormedalon sur la fasadon de nun spica vendejo.

Je la 16-a de marto 1988, merkredon posttagmeze (do, ĉi-jare antaŭ 20 jaroj) kun sufiĉe da interesiĝantoj, la plaketo estis solene inaŭgurita de la vidvino, sinjorino C. van Langelaar-Hoebeke, kiu fortiris la Esperanto-flagon kiu pendis antaŭ la plaketo.



Inter la parolantoj troviĝis ankaŭ sinjoro J.K. Hammer el la nomo de Esperantogrupo Zaandam.

Vi povas trovi la plaketon sur la fasado de Schoolmeesterstraat 62, angulo Rosmolenstraat en Zaandam.

## KÜNZLI KAJ COSSAVELLA EN LA MALFERMA TAGO

Andy Künzli el Svislando kaj Alejandro Cossavella el Argentino estos la ĉefaj gastoj en la 29-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, kiu okazos sabaton, la 29-an de novembro. Tiu ĉi Malferma Tago estos la unua post la fino de la renovigo de la UEA-domo, kie nun okazas la lasta fazo de tiu plurjara projekto.

En la programo de la Tago estos ankaŭ aliaj prelegoj, libroprezentoj kaj filmoj. La vizitantoj povos profiti de rabatoj en la libroservo -- ĉio estos rabatita minimume per 10% -- kaj gajni esperantaĵojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La Malferma Tago daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

Andy Künzli ricevis en la ĉi-jara UK la Premion Grabowski pro sia impona enciklopedia verko Universalaj lingvoj en Svislando. En la novembra programo estos ankaŭ prezento de lia verko, sed la ĉefa kontribuo de Künzli konsistos el du prelegoj pri temoj ligitaj al la jubilea jaro de UEA. Unu temos pri la fondinto de la Asocio, Hector Hodler, kaj la alia estos kvazaŭ ekskurso por konatiĝi kun la diversaj lokoj, en kiuj troviĝis la Centra Oficejo dum ties Ĝeneva periodo.

La kantisto-gitaristo Alejandro Cossavella kontribuis al la Malferma Tago unuafoje en aprilo 1998, ankaŭ tiam en jubilea etoso, ĉar la programo estis dediĉita al la 90-jariĝo de UEA. En la sama jaro li ekfamiĝis en Esperantujo ankaŭ kiel gajninto de la ĉefpremio de la Belartaj Konkursoj pro kanto dediĉita al la Montpeliera UK. Intertempe lia muziko aperis ankaŭ en kompaktaj diskoj.









## GEEDZOJ ZAMENHOF ESTIS EN BJALISTOKO.

La 1-an de junio Ludoviko Zamenhof estis en sia naskiĝurbo, kun sia edzino Klara Silbernik. La Regiona Trajna Kompanio en Bjalistoko decidis ke la trajno al Bielsko-Biała estonte ne plu havu la nomon NAREW, sed “ZAMENHOF”. Honoraj gastoj dum ĝia unua veturo estis Ludoviko kaj Klara Zamenhof, kiuj kuraccele forvojaĝis “al akvoj”.
Sur la kajo, je la 6.05 horo, okazis la “bapto” de la trajno, fiksado de la novaj nomŝildoj, kaj ĝi ekveturis al Bielsko-Biała.
Survoje, en pluraj urboj, salutis ilin lokaj esperantistoj, kaj en Bielsko-Biała atendis ilin honora komitato, sub gvido de la eŭrodeputito Margarita Handzlik.
Ili respondis multajn demandojn de ĵurnalistoj, kaj sekvatage vizitis diversajn bazajn lernejojn. Du televidaj kanaloj donis atenton al la evento.

## LA AKTOROJ

Aktoroj en la teatraĵeto estis la loka (nova) esperantisto Andrzej Remïa, pensiita instruisto pri matematiko, kaj Janina Pietruchowska, oficistino en la urbdomo. Andrzej rakontas: “Antaŭ mia aventuro kiel esperantisto mi estis ege nervoza.. Mi enlitiĝis kiel ordinara ŝtatoficisto, kaj naskiĝis kiel la tria famkonata polo, post Papo Johano Paŭlo kaj Frideriko Ŝopeno.



Mi vestis min per frako, ĉapelo kaj okulvitroj, kaj alpinglis la Ordenon de Honora Legio. Mi ankaŭ ne forgesis la vojaĝsakon kaj bastonon. Poste mi frizis la lipharojn kaj mi pretis por vojaĝi”.
Se vi volas saluti la geedzojn Zamenhof, la adreso estas: Bjalistoka Esperanto-societo, 13-282 Bialistok, Ul. Fiçkna 3, postbox 67, Pollando.

## ZAMENHOFSTRATO 26.

Tie, kie iam estis la naskiĝdomo de Zamenhof, nun estas granda etaĝa domo. Ĝi havis blindan muron, sed ekde junio 2008 ĝi montras belajn pentraĵojn.
La urbestraro decidis ke la pentristo Andrzej Muszycski ornamu ĝin. En la unua etaĝo estas fenestro en kiu sidas Jakobo Ŝapiro kaj Abraham Zbar, famaj esperantistoj el la periodo inter la du militoj, en la dua etaĝo estas balkono, sur kiu staras Zamenhof, kiu salutas la preterpasantojn. Sur la balkono de la tria etaĝo estas grupo de junuloj.
Samtempe oni renovigis la marmoran tabulon, kiun oni antaŭlonge pendigis sur la muro .

## DANKON.

Ĉi tiujn kontribuojn ni ricevis per helpo de nia membrino Baukje Muizelaar kaj ŝia pola korespondamikino Jeannette Sidorak, al kiuj ni kore dankas.

## PRI NEDERLANDAĴOJ EN ESPERANTO

Eble vi rememoras pri la artikoleto en la julia-aŭgusta numero de Fen-X, en kiu mi klarigis la projekton de Nederlandse Taalunie, kiu pristudas la historiajn migradojn de nederlanddevenaj vortoj al aliaj lingvoj. Mi anoncis tie, ke, en la kadro de tiu projekto, mi esploros la rilaton inter la nederlanda kaj Esperanto. Intertempe ekaperas la unuaj rezultoj. Multaj el vi verŝajne supozas, ke la tiel nederlanda aardappel eniris Esperanton kiel terpomo, ĉar en la franca oni ja diras pomme de terre, kaj la franca estis unu el la ĉefaj fontlingvoj, kiam Zamenhof kreis sian bazan vorttrezoron. Sed multaj surpriziĝos, eksciante, ke la vera fonto de terpomo estas la nederlanda lingvo mem, el kiu ĝin prunte tradukis la franca jam antaŭ la jaro 1716, kiu estas la dato de la unua skriba trovaĵo de pomme de terre (kaj malpli interesa por esperantistoj, sed tamen tre spektakla, estas la fakto, ke tiu pomme de terre plumigris dum la Napoleonaj militoj kontraŭ Hispanujo kaj tie naskis laŭvortan prunttradukon de aarde-appel en la eŭska aŭ baska lingvo, kie ĝi ankoraŭ ekzistas kiel tute nerekonebla lur-sagarra).

Interesas min ne nur vortoj, kiuj stabiliĝis en iu vortaro, sed ankaŭ vortoj, kiuj estis aŭ estas uzataj en la gazetaro, aŭ kiuj troviĝas en iu traduko el la nederlanda aŭ en iu glosaro, k.t.p. Trafoliumu, ekzemple, la poŝlibron Nederlando, eldonitan de Bruna fine de 1964. En ĝi vi trovos i.a. terpon (terp), vagŝtonon (zwerfkei), graĥton (gracht); rigardu malnovajn jarkolektojn de La Praktiko kaj vi trovos kaŝkelon (schuilkelder), artefaritan lunon (kunstmaan), k.t.p. Zwerfkei estas laŭ PIV kaj laŭ la vortaroj de De Smedt kaj Middelkoop eratika ŝtonego, sed Van Straaten (1933) notis ankoraŭ vagŝtonon. Ĉu vagŝtono cedis sian lokon al pli scienca termino? Estus interese scii pri aliaj fontoj (libroj, gazetoj, k.t.p.), en kiuj aperis tiuj ĉi kaj multaj aliaj vortoj, pri kiuj oni povas nur konjekti, ĉu temis pri popularaj priskribaj inventoj antaŭ ol kreiĝis scienca termino (vagŝtono?), ĉu pri vera nederlandaĵo (terpo, graĥto, hunebedo). Pro la relative malrapida cirkulado de novaĵoj en la esperantistaro kaj ilia eĉ pli malrapida registrado en vortaroj, necesas atenti ankaŭ la vagvortojn (zwerfwoorden, se vi permesas al mi tiun ĉi spontanan inventon), kiuj iam kaj ie aperis, eble vivis dum iom da tempo, iam kaj ie registriĝis en vortaro aŭ ne, eble tute malaperis.

Ĝuste en tiu ĉi kampo mi kun granda ĝojo ricevus iom da helpo de vi, legantoj. Ĉu vi ne scias, de kie komenci? Mi ripetu por vi la vortojn de supre, kun unu-du aldonoj: terpo, virdo, ŝtormfluso, vagŝtono, graĥto, hunebedo, tergasveziko, kaŝkelo, artefarita luno, zumbiciklo, kun la peto, ke vi serĉu aperojn de tiuj vortoj (fonto kaj dato), provante trovi la plej fruan (kaj eventuale la lastan antaŭ la supozata malapero). Via nomo aperos en la listo de kontribuantoj al la granda etimologia verko, en kiu aperos la rezultoj. Kun kora antaŭdanko, via

Wim Jansen
Emmaplein 17A, 2225 BK Katwijk.
<wimjansen@casema.nl>

## AVERTO.

En la antaŭa numero de Fen-X estis la minaca komuniko, ke baldaŭ en nia Asocio mankos la necesaj estraranoj. Jam nun la estraro estas grave nekompleta, kaj se kandidatoj daŭre mankos, post la venonta ĝenerala kunveno restas nur unu estrarano. Kaj ĉiu facile komprenos, ke tio signifos la finon de nia asocio.

Mi, kiel redaktoro, povus facilanime kompili agrablan kaj amuzan revuon, sed mia vera tasko estas servi al la asocio. Tio ĉi-foje signifas: klare averti la membraron pri la danĝero kiu ekzistas.

Tial mi ĉi tie montras bildon kiu eble malagrable, sed tamen klare montras la situacion.



Por diri la veron: mi trovis ĝian ekzemplon en la revuo Vrij Nederland jam en 1983, kie la desegnisto montras kiel la tero mortis pro la malbona uzo kiun ni faras de la naturo, pro la difektado de nia vivejo, kaj ĝi estas enterigita.

Bonvolu noti: la bonajn ecojn de la desegno ni dankas al la desegnisto Yrrah, pri la malbonaj ecoj kulpas mi, JKH.

## HARRY LAMMERTINK (YRRAH) (1932-1996)

Harry Lammertink dum kvardek jaroj faris desegnojn por multaj gazetoj en Nederlando, sed ankaŭ en eksterlando. Ili aperis i.a. en Het Parool, Vrij Nederland kaj Esquire. Por siaj desegnoj li uzis la kromnomon Yrrah, la inverso de sia nomo.

Kiel infano lia sano estis malbona, kaj longtempe li devis resti en sia lito. Tiu limigo estis la komenciĝo de lia vivo kiel desegnisto. Ĝis sia morto li faris almenaŭ 7000 desegnojn. Ĝenerale ili montras la mallumajn flankojn de la vivo. Temoj estis la morto, religio, militismo, la rilatoj inter viroj kaj virinoj, malsaneco kaj detruiĝo.

Li ege interesiĝis pri virinoj kaj malamegis religiojn kaj faŝismon.

Klare li montris la hipokritecon, la rilatojn inter fortuloj kaj malfortuloj, kaj la senhelpecon de homoj. La horizonto en liaj desegnoj ĉiam pli malaltiĝis, tiel ke la figuroj ĉiam pli grandiĝis kaj imponis.

La eldonisto “De Harmonie” en Amsterdam prizorgis la libron “Zwart Bloed”, kun superrigardo pri liaj verkoj, kiu prezentas la desegniston pere de eldiroj, fotoj kaj skizoj.

